

# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*

(«Os Lusiadas». Kanto III^a, XVII.)

CAMOENS


**6a jaro Aprilo 1936 N-ro 58**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura*, 74.


## Mia tasko por la nuna monato

— *Aliĝi al la XXVIII^a Universala Kongreso (ĝis la 30^a de aprilo, 20 % da rabato).*

— *Pagi senprokraste unu peseton kaj duono al H. E. A. por ke mi povu ricevi 1 BES-adresaron de 1937^a, kiu baldaŭ estos presata.*

— *Gratuli Polan Radion (Polskie Radjo, Varsovio, Polujo), pro ĝia esperanta programo.*

— *Pagi mian aliĝon (kvin pesetoj) al XI^a Hispana Kongreso de Esperanto kaj peni ke mia grupo ankaŭ aliĝu (dek pesetoj).*

## RESUMEN DEL ACTA LXXIII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 14 de marzo de 1936, se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

Y 2.° Se examinaron dos proyectos detallados de reorganización de U. E. A., remitidos por la dirección de U. E. A., de los cuales el primero (proyecto Steiner) propone el traslado de todos los servicios a Viena, con lo que resulta una economía anual de diez mil francos suizos y quedan *centralizados* todos los servicios en una ciudad del centro de Europa y con fáciles comunicaciones, y el segundo (proyecto Goldsmith) propone una organización *descentralizadora* con la capital en Londres (donde se ocupará de los asuntos de orden interior el señor Goldsmith) y los demás servicios en Estocolmo (asuntos de orden exterior, propaganda, etc., dirigidos por el Sr. Malmgrem), París (el periódico; director, Sr. Petit) y Viena (Biblioteca, Archivo, Exposiciones, bajo la dirección del Sr. Steiner). Se acordó votar a favor del primer proyecto.

También se cambiaron impresiones acerca de un artículo publicado en *El Diluvio*, de Barcelona, y firmado por los Sres. Coll, Banet y Gisbert, relativo al XI Congreso Nacional de Esperanto, que se celebrará en Barcelona del 3 al 7 de junio próximo. Se aplazó el tomar un acuerdo hasta que se conozcan algunos detalles.

El secretario, *Fernando Redondo*.

---

## RESUMEN DEL ACTA LXXIV DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la sesión extraordinaria celebrada el 19 de marzo de 1936, se tomaron por unanimdad los acuerdos siguientes:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Contribuir con cien pesetas a la suscripción abierta por U. E. A. a favor de la viuda del que fué su director D. Roberto Kreuz, en vista de la situación económica de la misma.

3.° Que H. E. A. se adhiera al Congreso Internacional de Viena.

4.° Admitir la dimisión presentada por D. Julio Mangada de representante de la Asociación en U. E. A. y hacer constar en acta el sentimiento producido en la Junta por la decisión de tan activo

samideano, y por vernos privados de su valiosa colaboración. En cumplimiento del acuerdo tomado por la Asamblea de Delegados en Madrid el 24 de febrero de 1935, y publicado en el número 46 de la Revista, página 3, queda nombrado representante el que hasta ahora ha sido primer suplente D. Francisco Azorín.

5.° Se da lectura a una carta de los vocales regionales de Cataluña señores Garganta, Banet y Marín Gil, en la que se niegan a cumplimentar el acuerdo de la Junta Central Ejecutiva relativo a la celebración del XI Congreso Nacional de Barcelona y consideran no reglamentaria la designación de dicha ciudad para que se celebre el Congreso. Vistos los términos en que está redactada la carta y en los que está redactado el artículo del diario *El Diluvio* leído en la sesión anterior y firmado por los señores Coll, Banet y Gisbert, se acuerda por unanimidad aplicar a los samideanos señores Garganta, Banet, Marín Gil, D. Rafael Gisbert y D. José Coll (los tres primeros, vocales regionales de Cataluña) la sanción que establece el párrafo 7.° del artículo 2.° del Reglamento, suspendiendo a dichos samideanos en sus derechos sociales. Acto seguido se procedió a designar por sorteo los directivos que han de componer la Comisión que abra el oportuno expediente informativo, y recayó la suerte en los vocales regionales de Vasconia don Teodoro Elizondo y D. Eugenio Lunate, y en el miembro de la Junta Central Ejecutiva vocal D. Carlos de San Antonio. A disposición de esta Comisión se pondrán todos los documentos para que emita dictamen.

El secretario, *Fernando Redondo.*

## HISPANA INSTITUTO DE ESPERANTO

**Nova prezidanto.** — S-ro Vicente Alonso demisiis sian oficon, pro tio ke li ne povas dediĉi al ĝi sian tempon. Dum la lasta kunveno, okazinta la 3-an de februaro, estis elektata S-ro Francisko Azorín Izquierdo kiel prezidanto.

**Novaj diplomitoj.** (*Kvina listo*).—*Pri elementa kapableco.* 242. S-ro Primitivo Garrido (Almería). 243. S-ro Celestino García Balloso (Cádiz). 244. S-ro Antonio Diane Pozo (Cádiz). 245. S-ro Agustín Vicheva Rodríguez (Cádiz). 246. S-ro Manuel Salom Fornals (Valencia).

*Pri supera kapableco.*—52. S-ro Ricardo Quiles Pellicer (Valencia).

Madrido, la 2-an de marto de 1936ª.—La sekretario, *Fernando Redondo.*

## Cómo se elige la localidad en que se ha de celebrar un Congreso de H. E. A.

**(Artículo 10 de los Estatutos)**

| Pueden ocurrir los casos siguientes: | En tal caso: |
|---|---|
| 1.° Que un Congreso anterior haya decidido el lugar. | Se elegirá la localidad que haya decidido el Congreso anterior (línea 7.ª). |
| 2.° Que no lo haya decidido: A) Que no haya sido pedida por nadie la organización. | La Directiva explora la voluntad de los asociados en una u otra localidad (no en todas) (líneas 5 y 6). |
| B) Que lo haya sido por los asociados de una localidad. | Se elegirá precisamente esa localidad (línea 8). |
| C) Que lo haya sido por los asociados de varias localidades. | Se elegirá una de estas varias localidades (líneas 9 y 10). |

En el caso 2.°, apartado B) (caso del Congreso del año actual), hay algunos que dudan si la petición debe ser hecha previa la consulta a *todos* los heaanos de la localidad en cuestión. Los Estatutos no lo dicen así de un modo terminante, ni en ninguno de los diez Congresos anteriores se ha hecho tal consulta previa. Pero, aunque así fuese, la petición habría de llegar a la Junta Central por conducto de los vocales regionales, y por este conducto fué hecha en agosto último la petición para el XI Congreso Nacional en Barcelona.

---

## AVERTO AL ĈIUJ

**XIª Nacia Kongreso de Esperanto — 3-7 junio 1936**

Por eviti miskomprenon ies ni avertas, ke la XIª Nacia Kongreso de Esperanto okazos tuj post la E. Kongreso de Manresa, tiamaniere ĉiu aliĝinto al unu Kongreso havos la eblecon ĉeesti la alian, tiucele H. E. A. prokrastis la datojn de sia Kongreso; H. E. A. esperas, ke la hispana esperantistaro profitos la okazon ĉeesti ambaŭ kongresojn, kaj ĝui belajn esperantistajn tagojn en la bela Barcelono. Ne hezitu plu, kara samideano! Meditu, ke se vi ne plenumas vian esperantistan devon, vi ne rajtos plendi pri la neagado de aliaj, kaj pri ebla mal-

sukceso vi ankaŭ estos kulpa. Samideano, pruvu ke via esperantismo kaj zamenhofeco estas pli granda ol certaj materiaj cirkonstancoj, sendante vian aliĝon al la Sekretario de la Loka Organiza Komitato S-ro Josefo Anglada, strato Sitjas, 3, Barcelona.

KOTIZOJ: Individua aliĝo, 5 pesetoj. Por E. Grupoj kaj Societoj, 10 pesetoj. Madridanoj povas pagi sian aliĝon ĉe la sekretariejo de H. E. A., strato Chinchilla, 2, de 6-8 vespere ĉiutage.

## XIª HISPANA ESPERANTA KONGRESO

*Novaj aliĝintoj.*—38, Luis Talma, Fuenmayor (Logroño); 39, Alberto Cebreiros Curiesas, Alicante; 40, Henriko Villamor, Barcelona.

41, Dolores Jiménez de Santamarina, Orense; 42, Luciano Plaza Sánchez, Madrido; 43, Francisko Alsina Plana, Barcelono; 44, Esteban Anglada Fernández, Barcelono; 45, Jakobo Bellfort, Barcelono; 46, Antonio Mármol Cordero, Villanueva de las Minas (Sevilla); 47, Isidoro Díaz Maqueda, Tocina (Sevilla); 48, Iberia Esperanta Grupo, Barcelono; 49, Eusebio Madrid Blanco, Villanueva de las Minas (Sevilla); 50, Jozefo Vilá Molins, Barcelono.

51, Rafael Pérez Rodríguez, Barcelono; 52, Samuel Roca y Rodó, Barcelono; 53, Carlos de San Antonio López, Madrid; 54, doña Aurelia Nieto de San Antonio; 55, Srta. Lucrecia San Antonio Nieto; 56, Pascual Gimeno Rodrigo, Bugarra (Valencia); 57, Abelardo Marco Marco, ídem; 58, Vicente Martínez Quiles, ídem; 59, F-ino Isabelín García Pons, ídem; 60, Manuel Salom Fornals, Valencia.

61, Guillermo Bosch Fornals, Valencia; 62, Grupo Esperantista, Baracaldo (Vizcaya); 63, F-ino Gratiniana Verduch, Cheste (Valencia); 64, Alfonso Marín, Barcelona; 65, José Buzón Bertrán, Madrido; 66, Benito Anguiano, Madrido; 67, Francisko Menéndez Rúa, Gijón; 68, Federiko López, Gijón.

## NEKROLOGO

Post nelonga malsano mortis la 13-an de marto pro intesta febro nia samideano Vicente Navarro Lillo, membro de la grupo de Alicante.

Sinceran kondolencon!

**PRI LA KALENDARO**

## Maniero kalkuli la daton de la Pasko

Temas pri la Pasko de la Reviviĝo. Pri tiu de Pentekosto mi parolos sur la venonta numero.

La Pasko estas la unua dimanĉo post la unua plenluno de la printempo.

Por kalkuil la daton de la plenluno de la jaro N ni dividos $\frac{N+1}{19}$; la resto de tiu divido estos la *epakto*. Nun, ni dividos $\frac{(\text{epakto}—1)\times 11}{30}$, kaj la reston de tiu divido ni subtrahos de la nombro 44; la diferenco estos la dato de la plenluno kiun ni serĉas.

Ekzemple: Estu la jaro 1936$^{a}$. Ni dividas $\frac{1936+1}{19}$, kaj ni ricevas la reston 18. Ni dividas $\frac{(18—1)\times 11}{30}$, kaj ni ricevas la reston 7.

Fine ni subtrahas 44—7=37, kaj ni sciiĝas ke la 37$^{a}$ de marto, tio estas, la 6$^{a}$ de aprilo estas la dato de la plenluno. La 6$^{a}$ de aprilo estas lundo; do, la 12$^{a}$ (unua dimanĉo post la 6$^{a}$) estas la Pasko de la Reviviĝo.

---

## XXVIII$^{a}$ Universala Kongreso de Esperanto

Ne forgesu ke ĝis fino de aprilo oni povas aliĝi al kongreso kun 20 % da rabato; tio estas: kotizo por kongresano, 23 svis. fr.; por familiano de kongresano, 14'25; por junul(in)o ankoraŭ ne 18-jara, 9'50.

Plie la fakaj kunsidoj anoncitaj sur la oktobra numero de nia gazeto, estas preparataj tiu de *veterinaroj* (doktoro Georgi pop. Ivanov, Orehovo a. Danubo, Bulgarujo), kaj tiu de *bahaanoj* (redakcio «La Nova Tago», Fürth i Bayern, Kriegerheim strato, 16, I. Germanujo).

Oni atingis fervojajn rabatojn en pluraj landoj. Lastmonate en Belgujo, Rumanujo kaj Polujo.

*Kongres-vojaĝo «Tra Aŭstrio».* — La frekvento por la ĉi-jaraj Festludoj en Salzburg multe superas tiun de la pasinta jaro. Por la

aliĝontoj oni sukcesis rezervigi en Salzburg mem 200 tranokt-eblecojn (unu— kaj duĉambrajn); el tio jam 120 estas okupitaj de la ĝisnunaj aliĝintoj. Oni rekomendas do al la aliĝontoj al la vojaĝo «Tra Aŭstrio» aliĝi *laŭeble baldaŭ*, ĉar povas okazi, ke la malfrue aliĝontoj povos loĝi ne en Salzburg mem, sed nur en ĝia ĉirkaŭaĵo, kien ili estos veturigataj per aŭtobusoj.

## LA KURIEROJ (1)

La bezono interrilatiĝi la familioj kaj la popoloj ekzistis ĉiam. Tamen, la elpenso de la kurieroj kaj poŝto, kiel oficiala institucio por la servo de la tuta mondo, ne venas de malproksima epoko.

Laŭ la historio, tra la jarcentoj oni povas observi en la kurieroj tri ĉefajn formojn: 1ª, individua servo per piediruloj, rajdantoj kaj barkistoj, trairantaj ĉiam la saman vojon. 2ª, ŝtata servo, nur por militaj kaj politikaj celoj dependintaj de la registaro. 3ª, korporaciaj servoj, nur por la personoj aŭ grupiĝoj, kiuj havis komunajn interesojn.

El la unua formo estis la asiriaj, grekaj kaj romaj piediruloj. Multajn ekzemplojn de la dua prezentas la historio, inter ili la kurieroj de Artaĥerĥes, tiujn de la Roma Respubliko kaj tiujn de nia Alfonso la Saĝa. La tria formo estis uzata de diversaj korporacioj, kaj ankoraŭ estas uzata por kelkaj okazoj.

El la tuta Eŭropo, Katalunujo havas la honoron esti la unua, kiu fondis la kurierojn por publika uzo. En la jaro 1166ª jam funkciadis de la Aragona Krono, kaj ili estis plibonigataj de Jakobo la Almilitanto kaj Petro la Ceremoniema.

Preskaŭ en la sama tempo oni fondis kurierojn en la urboj de la nordo de Italujo, kaj Ludoviko XIª el Francujo establis poŝtajn servojn kun stacidomoj aŭ bestoŝanĝaj lokoj, kiujn povis utiligi la privatuloj per determinita pago.

La prospero de la poŝta institucio koincidis kun la lasta periodo de la XVª jarcento, en kiu komencis cirkuli kurieroj kun regula servo por grandaj distancoj. Italujo kaj Hispanujo estis la landoj, kiuj plej-bone organizis la poŝtajn servojn. Sed estis en la XIXª jarcento, kiam la kreskintaj progresoj de la industrio kaj la komerco, la gazetaro kaj la bankoj starigis la poŝton je la nivelo de la tempoj. Sed tio, kio donis al la poŝto plej grandan antaŭenpuŝon estis la elpenso de la poŝtmarkoj.

---

(1) El la verko «Elpensoj kaj Elpensistoj» hispane verkita de la nacia instruisto Ezequiel Solana, kaj eldonita de «El Magisterio Español», 68ª paĝo.

Kaj kiel estis elpensataj la poŝtmarkoj?

Iun tagon ĉasis la anglo, sinjoro Rowlland Hill, kaj kiam li persekutis ĉasaĵon, li falis kaj elartikiĝis je piedo. Pene li alproksimiĝis al kabano, kie nur estis knabineto, ŝajne dekdujara, kiu donis al li akvon, vinagron, salon kaj tion, kio estis necesa por la unua kuraco. Poste li elprenis libron kaj eklegis. Post kelkaj minutoj alvenis al la kabano la kampara leteristo kaj prezentis al la knabino leteron por ŝia patro, petante al ŝi du ŝilingojn. Rowlland Hill, legante atente la libron, ne atentis la konversacion de la leteristo kaj la knabino; sed kiam li vidis foriranta la leteriston kun la letero en la mano, li demandis al la knabino: Ĉu ne estas tiu letero por via familio? — Kial vi ne prenas ĝin?

—Ĝi estas por mia patro. Ĝi devas esti de unu frato, kiun mi havas en Hindujo; sed mi ne povas pagi la du ŝilingojn de la afranko.

—Prenu la du ŝilingojn—diris Rowlland Hill— ; kuru kaj alportu la leteron.

Kiam la familio, post sia laboro, revenis al la kabano, malfermis la leteron kaj mire vidis ke ĝi enhavis mandaton de kvar cent sterlingoj, kiujn sendis la forestanta filo al siaj gepatroj kaj ke li promesis novajn sendojn, ĉar siaj aferoj progresadis multe. La gajeco de tiuj vilaĝanoj estis nepriskribebla. Nur Rowlland Hill restis silenta kaj enpensiĝis. «Estas netolerebla—li diris al si—la prezo de la kuriera servo, kaj ankaŭ pli netolerebla la formo ĝin enspezi. Tiel tiu-ĉi familio riskis perdi riĉaĵon kaj la sciigojn de sia filo.» Li notis tiun-ĉi ideon, li meditis ĝin kaj li kreis la projekton de la poŝtmarkoj por la antaŭpago, kiuj malkarigis la korespondadon pro la ŝparemo de sia administrado.

La elartikiĝo de la piedo de Hill kaj la sceno de la kabano donis al la mondo tiel utilan elpenson.

*Esperantigis*: FÉLIX NAVARRO CLEMENTE

---

## ANEKDOTOJ

Inter mastrinoj:

—Kial vi permesas, ke via servistino promenu ĉiuvespere?

—Pro ŝparemeco. Ju malpli da tempo ŝi restos hejme, des malpli ŝi rompos.

———o———

*La juĝisto.*—Kiu estas via aĝo?

*Konfuzita S-ino.*—Mi kalkulas dudekkvin jarojn (hispana dirmaniero por esprimi la aĝon).

*La juĝisto, severe.*—Kaj kiom da ili vi ne kalkulas?

la aliajn aĵojn, kiuj estas en ĝi, *kardilo, kardmaŝino*. Plej delikata kardita lano, *stamino*. Disigi per speciala kombilo la linajn aŭ kanabajn fibrojn, *diskombi*. Cilindro ordinare ligna sur kiu oni volvas fadenon, *bobeno*. Speco de bobeno uzata por teksmaŝino, *spulo*. Fadenoj globforme volvitaj, *volvaĵo*.

Kunigi fadenojn multfoje krucigante unu kun alia, *plekti*. Kunplektaĵo el fadenoj uzata por ligi objektojn, pakaĵon, *ŝnuro*; ĉiu el la fadenoj, *ŝnurero, ŝnurfadeno*. Ŝnuro, kiun oni trairas tra specialaj truoj por kuntiri korseton, ŝuon, *laĉo*. Kuntordi plurajn fadenojn por fabriki pli dikan fadenon, ŝnuron, *fadentordi*. Ŝnuro konsistanta el tri ŝnureroj kuntorditaj, *luzeno*. Ŝnuro arkforme fleksita kies ekstremoj estas interligitaj lasante liberan spacon inter si, *banto*. Duobla kunkruciĝo de du kunligitaj fadenoj aŭ ŝnuroj, *nodo*. Kunligi du ekstremojn de ŝnuro per speciala kunplekto de la fadenoj, tiamaniere ke la diametro de la kunligaĵo ne superu tiun de la ŝnuro, *splisi*. Interplektaĵo farita per rubando aŭ ŝnuro, *knoto*.

**Teksarto.**—Rektangule kruci fadenojn sen interrompo unu apud la alia, *teksi*, Teksi plektante la fadenojn per drato, *triki*. Por teksi, teksisto pasas paralelajn fadenojn (nomataj *vefto*) inter paralelaj fadenoj (nomataj *varpo*). Ordigi la fadenojn de la varpo sur teksmaŝino antaŭ la teksado, *varpigi*. Parto de vefto formita de la iro kaj reveno de la veftofadeno, *veftero*. Ĉiu el la fadenaj ringoj ĉirkaŭantaj ĉiun varpfadenon, kaj per kiuj oni tiras ĉi-tiujn por pasigi la veftofadenon, *varpringo*. Malgranda peco ligna ŝipforma kun pintaj ekstremoj, kiu pasigas la veftofadenon inter la varpfadenoj, *navedo, glitbobeno*. Igi la ŝtofon pli firma kaj glazura, *katizi* (*katiri*, laŭ Verax). Gumizita akvo por katizi, *katizilo*. Forigi la katizilon, *dekati*. Igi la drapon pli fortika kaj pli kunpremita, *fuli*. Speco de argilo uzata por fuli, *fulargilo*. Fluida substanco por kolorigi ŝtofojn trempante ilin en ĝi, *tinkturo*. Efiki sur teksaĵo per iaj kemiaj substancoj por ke la tinkturado povu sin fiksi sur ĝi, *mordumi*. Substanco, per kiu oni efikas sur teksaĵo por doni al ĝi iajn ecojn de kvalito aŭ de aspekto, *apredo*. Fluidaĵo por tinkturi blue, *bluigaĵo*; verde, *verdigaĵo*; nigre, *nigrigaĵo*, k. t. p. Presi desegnaĵojn sur ŝtofoj, *vaflumi*.

**Teksaĵoj.**—T. ĉe kiu la vefto interplektiĝas oblikve en la varpo, *kepro*. Plektaĵo kun grandaj interspacoj (nomataj *maŝoj*) inter la fadenoj aŭ ŝnuroj, *reto*. Maldika malpeza retosimila t., *tulo*. Tre maldika densa t. el plej delikataj specoj de lino, *batisto*. Maldensa silka aŭ lana t. kun sulkigita supraĵo, *krepo*. Plej malpeza t. kotona aŭ lana, *muslino*. Lana t. malpeza, diagonale teksita, *serĝo, seriko*.

la vulgara lana t., *kamloto*. T., kies varpo estas el lino, kaj la vefto el kotono, *bombazeno*. Trikita t., *trikoto*. T. provizita sur unu flanko per mallongaj densaj rektestarantaj brilaj haroj, *veluro*. Veluro kun pli longaj haroj, *pluŝo*. Dika silkaĵo de plejbona kvalito, *fajo*. Malpeza maldensa t. kun maŝoj, *punto*. Peceto de karto ĉirkaŭ kiu estas volvita maldika fadeno silka, ora aŭ arĝenta kaj kiun oni uzas kiel ornamaĵo en puntoj, *kartizano*. T., el kiu oni faras vestojn, *ŝtofo*. Glata brila silka ŝtofo kun nerimarkeblaj transversaj fadenoj, *atlaso*. Silka multekosta ŝtofo fabrikata en Damasko, *damasko*. Malpeza silka ŝtofo por kravatoj, *fulardo*. Speco de malpeza ŝtofo, *kastoreno*. Velureca ŝtofo kun longaj haroj ordinare el silko, *felpo*. Maldika malpeza ŝtofo per kiu oni fabrikas flagojn, *stamino*. Delikata tufo el haroj, plumoj, lano, *hupo, upupo*. Travidebla malpeza ŝtofo silka aŭ lina, unue fabrikata en Gaza (Anatolio), *gazo*. Ŝtofo el lino aŭ el kanabo, *tolo*. Speco de maldelikata tolaĵo por sakoj, laborvestoj, k. c., *dreliko*; farita el kanaba stupo, *stuptolo*. Ŝtofo el lino aŭ kotono kun unu malglata rando flanke, *fusteno*. Ŝtofo el hinda kanabo, *juto*. Speco de fortika tolo, kovrita per miksaĵo el juto, korko kaj linoleo, per kiu oni faras tapetojn, *linolo, linoleumo*. Malpeza kotona ŝtofo el delikata lano, *flanelo*. Lana ŝtofo uzata por vestoj, *drapo*. Ia angla speco de drapo, *ŝevioto*. Lana ŝtofo, kies unu flanko estas brila, *kalmando*. Ŝtofo farita per lano de merinoso, *merinosŝtofo*; per lano de samnoma remaĉulo, *alpako*. Speco de fortika ŝtofo el lano kaj ŝtofo, *repso*. Ŝtofo el lano aŭ haroj kungluitaj kaj premitaj, *felto*. T. el sparto, *spartaĵo*. Malpeza kotona t. kun surpresitaj desegnaĵoj, *katuno*. Delikata multkolora katuno, *indieno*. Katuno unukolora, ordinare helflava, origine fabrikata en la Ĥina urbo Nankeno, *nankeno*. Glata densa katuno similanta tolon, unue elportata el samnoma azia urbo, *kalikoto*. Katuno fortika, kies varpo estas el kanabo, kaj la vefto el lino, kreita de Créton en 1640[a], *kretono*. Delikata densa kotona t., *perkalo*.

Kotono uzata por esti lokita sub la ŝtofo de vesto, *vato*. Speco de kotono produktata de ia hinda arbo kaj uzata por kusenoj, matracoj, k. c., *kapoko*.

Haŭto preparita por la industrio, *ledo*. Delikata antilopa ledo helflava, *ŝamo*. Bovida ledo transformita en speco de pergameno, *veleno*. Kapra ledo tanita per gajlo aŭ sumako kaj kolorigita unuflanke, preparita en Maroko, *marokeno*.

Tre delikata t. el ora aŭ arĝenta fadeno, *filigrano*. Longa mallarĝa t. lina aŭ silka, uzata precipe kiel ornamo, *rubando*. Rubanda peco kun paralelaj randoj, *strio*. Densa rubando el oro aŭ arĝento por garni, *galono*. Galono ŝnurforma, *brandeburgo*. Nevendita restaĵo

de ŝtofa peco, *kupono*. T. ordinare kvarangula por speciala celo, *tuko* (*naztuko, buŝtuko, tablotuko, litotuko, antaŭtuko*). Forŝirita peco de ŝtofo, vesto, tolo, *ĉifono*. Malgranda peco de ŝtofo moviĝanta en la aero kaj ne falante teren, *floko*.

**Vestofarado.**—Meti tukon tiamaniere ke ĝi kovru kiel eble plej grandan suprajon, *sterni*. Kunmeti kelkoble tolon, ŝtofon, fleksante ĝin tien kaj returnen, *faldi*. Faldi ion al kontraŭa senco, *kuspi*. Kunpremi kaj fari senordajn faldojn, *ĉifi*. Kovri per multefalda ŝtofo, *drapiri*. Fortranĉi el io per speciala ilo konsistanta el du interkruciĝantaj almoveblaj klingoj kun interna tranĉa rando, *tondi*. Kunigi per fadeno, kiun oni traigas tra la kunligotaĵojn per speciala pinta ilo, *kudri*. Faldi kaj alkudri randon de vesto, *borderi*. Mallarĝa rubando, strio, borderante veston, ŝtofon, *borderaĵo*. Borderaĵo alikolora, *franĝo*. Kunkudri kelkajn teksaĵojn tiamaniere ke la kudrilo ĉiam trapasas ĉiujn, *stebi*. Surkudri sur truita vesto pecon de tolo, *fliki*. Fari per la kudrado desegnaĵojn literojn, *brodi*. Maldensa retosimila teksaĵo sur kiu oni brodas, *kanvaso*. Metala ĉapeleto, kiun oni metas sur la longa fingro de la dekstra mano dum la kudrado, *fingringo*. Ornamaĵo de rando de ŝtofo formita per regulaj arkoformaj dentetoj ordinare broditaj, *festono*. Trapasigi diversdirekten orajn, arĝentajn aŭ silkajn fadenojn tra teksaĵo (tial nomata *brokato*) por figuri desegnaĵojn, *broki*. Desegno farita sur damaska ŝtofo, *damaskodesegno*. Ornami vestojn per puntoj aŭ rubandoj, *garni*. Ŝtofa banderolo, kiu ornamas robon, *falbalo*.

**Partoj de vestoj.**—P. de la v. ĉirkaŭanta la kolon, *kolumo*; kovranta la brakon, *maniko*; pendanta malsupren de la talio, *basko*. P. de la maniko ĉe la mano, *manumo*. Plenblovita faldo, *pufo*. P. de v. alĝustigita, malpufa, *strikta*. Malgranda sako alkudrita al vesto kaj en kiu oni portas kun si diversajn objektojn, kiel naztukon, monujon, horloĝon, poŝkajeron, k. c., *poŝo*. Iloj por fiksi kunligi partojn de vesto: malgranda glob— diskforma korpo kovrita aŭ ne per drapo, *butono*; metala hoketo kun ringeto, *agrafo*; akrepinta peco de maldika drato, *pinglo*; metala kvadreto kun movebla pinglo, *buko*; pinglo refaldita tiele ke ĝia pinto krociĝas en hoketo aŭ ŝirma ingeto, *broĉo*. Truo kie oni enmetas butonon, *butontruo*. Fiksi per butonoj, *butonumi*. Butono por butonumi per premo, *prembutono*. Juvelo por agrafi, *fibolo*.

**Vestoj.**—Ĉio, kion oni portas sur si por kovri la korpon, *vesto*. Ne vestita, *nuda*. Fabriki vestojn ne laŭ la mezuro, *konfekcii*. Produkti per la kudrado, *kudri*. Kiu kudras vestojn, *tajloro*. Nedaŭra moro

pri la maniero sin vesti, *modo*. Malŝparemo por la v-j. modaj, *lukso*. Luksa moda bela gustoplena, *eleganta*. Laŭmode bongusta, *ŝika*. Homo tro eleganta tro laŭmoda, *dando*. Maniero modelo laŭ kiu estas farita v., *fasono*. Tutaĵo de objektoj per kiuj oni sin vestas, *tualeto*. V. propra al cirkonstancoj, *kostumo*. Speciala v. de servisto de la riĉuloj, de restoracio, k. c., *livreo*. Serva v. de militisto aŭ de ŝtata oficisto, *uniformo*.

V-j. por rajdi (vidu «XXIV.—Resto. Movo»). V-j. militistaj (vidu «XLVII.—Milito»). V-j. religiaj (vidu «XL.—Religio»).

V., plejofte tola, portata sur la supra parto de la nuda korpo, *ĉemizo*. Eta ĉemizo portata sub ĝi, *ĉemizeto*. Hejma v. kiun oni portas post la leviĝo kaj antaŭ la kuŝiĝo, *negliĝo*. Negliĝa aŭ lita dupeca v. kun ne alĝustigita pantolono, por viroj kaj virinoj, *piĵamo*. Nudigi la kolon, gorĝon kaj ŝultrojn, *dekolti*. Silka aŭ lana peco per kiu oni ĉirkaŭas la kolumon de vira ĉemizo, modo enkondukita en Francujo en 1836[a] de la kavaliroj kroataj aŭ kravataj, *kravato*. Silka koltuko, *fulardo*. Granda tuko portata de la virinoj sur ŝiaj ŝultroj, *ŝalo*. Vojaĝoŝalo, *plejdo*. Longa peco de teksaĵo, kiun la virinoj portas sur la ŝultroj, kaj kies baskoj pendas ambaŭflanke antaŭ la brusto ĝis la genuoj, *skarpo*. Ĉe la antikvuloj, suba v. ĝis la genuoj kun manikoj, *tuniko*. V. de la supra parto de la korpo, ordinare trikita el lano kun manikoj, portata sur aŭ sub la ĉemizo, *kamizolo*. V. kovranta la korpon de la zono ĝis la piedoj, vira, *pantalono*; virina, *jupo*. Duobla elasta rubando, kiu de la ŝultroj tenas la pantalonon, *ŝelko*. V. portata sub la jupo, *subjupo*. Parto de la jupo antikve trenata sur la tero, *trenaĵo*. Speco de hispana jupo, *baskeno* (hispane «basquiña»). Tola kalikota pantalono portata sub la jupo aŭ sub la vira pantalono, *kalsono*.

V. de la mano, *ganto*. Ganto sen fingroj, *duonganto*. Cilindroforma kunkudrita pelta peco por ne malvarmigi la manojn, *mufo*.

Supra parto de virina v. kovranta la buston, *korsaĵo*. Korsaĵo laĉebla kun balenostoj por subteni la buston, *korseto*. Mallonga ekstera virina v. ĉirkaŭanta la talion, *ĵaketo*. Strio el teksaĵo aŭ el ledo por ĉirkaŭi la talio, *zono*. Mallonga neceremonia v. sen baskoj, kovranta la supran parton de la korpo, *jako* (vira), *ĵaketo* (virina); kun baskoj ĉirkaŭantaj la korpon kaj du vicoj de butonoj, *surtuto*; kun baskoj rondiĝantaj ĉe la antaŭa parto kaj malkovrantaj la antaŭaĵojn de la femuro, *ĵaketo*. Ceremonia surtuto, *ĵako, redingoto*. Redingoto kun mallarĝaj baskoj posten kaj sen baskoj antaŭen, *frako*. Longa hungara redingoto kun rigida kolumo, *bekeŝo*. Senmanika brusta vira v., kiun oni portas sub la jako aŭ redingoto, *veŝto*. V. de la supra parto de la korpo, kaj

portata de artistoj, kamparanoj, lernantoj, *bluzo*. Longa bluzo el vulgara ŝtofo, kovranta ĝis genuoj, *kitelo*. Tuko per kiu oni kovras la antaŭan parton de vestoj por ŝirmi ilin kontraŭ malpureco dum laborado, *antaŭtuko*.

Ampleksa flirtanta v. kovranta la korpon de la kolo ĝis la piedoj, kiun portis antikve la viroj kaj ankoraŭ portas la virinoj, *robo*. Robo portata de advokatoj, profesoroj, k. s., dum la plenumado de sia ofico, *robo, talaro*. V. kun vastaj manikoj, baskoj, fermita antaŭen kaj alligata al la korpo, *kazako*. Longa vasta v. de la antikvaj romanoj kovrantaj en drapiraĵoj la maldekstran brakon kaj lasante libera la dekstran, *togo*. Longa turka v., *kaftano*. la rusa v., *burko*. Vasta v. ordinare sen manikoj, kiun oni portas sur aliaj vestoj, *mantelo*. Mantelo kun kapvesto, *kapoto*. Araba longa kapoto, *burnuso*. Kapotoforma kostumo por sin maski, *domeno*. Vira v., ordinare pli mallonga ol mantelo, portata eksterdome sur la aliaj vestoj, *palto*. Granda kolumo pendanta de mantelo aŭ palto, kaj kovranta la ŝultrojn kaj parton de la dorso, *pelerino*. Speco de lana vestaĵo trikita, *ĵerzo* (el la brita insulo Jersey).

Haroriĉa besta haŭto uzata kiel v., *pelto*. Longa peco de pelto, kiun la virino portas ĉirkaŭ la kolo, *boao*. Speco de v. kun vitra kaj metala kapujo, tute netrairebla de akvo, kaj plenigata de aero, en kiun homo povas sin meti por iri sub akvon, *skafandro*.

Tuko ĉirkaŭvolvante suĉinfanon, *vindo*.

**Piedvestoj.**—Sakforma vesto kovranta la piedon ĝis la genuo aŭ eĉ pli alten, *ŝtrumpo*; ĝis la tibikarno, *ŝtrumpeto*. Leda p. ĝis super la maleolo, *ŝuo*; ĝis genuo, *boto*; meza inter ŝuo kaj boto, *boteto*. Hejma p. ne atingante la maleolon, *pantoflo*. Speco de pantoflo sen postaĵo nek kalkanumo, *babuŝo*. P. konsistanta el simpla plando ligata per ŝnuroj aŭ rimenetoj al la piedo, *sandalo*. P. ordinare kaŭĉuka kiun oni metas sur la ŝuoj por gardi la piedon de la malsekeco, *galoŝo*. P. kun radoj por gliti, *glitilo*. Speco de longa plata ligna p., kiun oni aligas al ŝuo por gliti sur la neĝo, *skio*. Longa bastono alligebla al la kruro kaj dank'al kiuj oni povas marŝi sur marĉoj kaj sablejoj, *stilzo*. Ŝuo de antikvaj tragediaj aktoroj kun tre alta plando, *koturno*.

Malsupra surtera parto de ŝuo, *plando*; posta parto, sub la plando, *kalkanumo*. Smiraĵo por doni brilon al ŝuo, *ciro*. Pinta fera peco uzata de ŝuistoj por fari truojn en ledo, *aleno*.

**Kapvestoj.**—K. kun nevolvita rando, *ĉapo*; kun volvita, *ĉapelo*. Turka k. konsistanta el tolo volvita ĉirkaŭ la kapo, *turbano*. Malalta simpla turka ĉapo el ruĝa aŭ blanka drapo kun nigra peniko, *fezo*.

Malpeza kelk'angula ĉapo portata de pastroj kaj profesoroj, *bireto*. Leda antaŭrando de k., *viziero*. Ĉapo kun viziero, *kaskedo*. K. alkudrita al mantelo, *kapuĉo*. Rusa kapuĉo kun longaj ekstremoj, kiujn oni ligas ĉirkaŭ la kolo, *baŝliko*. K. de la reĝoj kaj imperiestroj dum iaj ceremonioj, *krono*. Simpla kovraĵo de la kapo de virino, *kufo*. Ruĝa kufo fabrikata en Tunizio, *ĉeĉio*. Punta kovraĵo de kapo kaj ŝultroj uzata de hispanaj virinoj, *mantilo*. Delikata diafana teksaĵo precipe por kovri la vizaĝon de virino, *vualo*. Artefarita vizaĝo el pentrita kartono, per kiu oni kovras vizaĝon por fari homon nekonebla, *masko*.

ORNAMOJ. — **De la vesto.** — Longa larĝa rubando, *skarpo*. Ornamo de la v. en formo de ronda peniko, *kvasto*. Ornamo konsistanta el teksaĵo, plektaĵo el ora, silka, fadenoj, *pasamento*; el dense kunmetitaj mallongaj fadenoj, libere pendanta de la rando de v., *fraĝo*; el dense falditaj tuloj, *ruŝo*; el rubando, el tuko formante fantazian banton, *kokardo*; el muslino aŭ punto, almetita ĉe la surbrusta fendo de la ĉemizo aŭ korsaĵo, *ĵaboto*. Refaldita bordero ĉe tuko aŭ v., *orlo*. Pasamentaĵo el silka veluro, *ĉeniljo*. Malgranda luksa objekto por ornamo de la v., *galanterio*.

**Juveloj.**—Malgranda luksa objekto, multekosta pro la materio el kio ĝi konsistas aŭ pro sia prilaboriteco, *juvelo*. Ronda aŭ ovala j., en kiu oni portas fotografaĵon aŭ harojn de amata persono, *medaliono*. Malgranda metala disko kun subskribo, aŭ portreto, *medalo*; la subskribo, aŭ la spaco rezervita por ĝi, *ekzergo*. J. por agrafi du partojn de vesto, *fibolo* (*fibulo*, laŭ Plena Vortaro). J. metala portata ĉirkaŭ la fingro, *ringo*; ĉirkaŭ la mano, *manringo*, *ĉirkaŭmano*; ĉirkaŭ la brako aŭ la kruro, *braceleto*; ĉirkaŭ la kolo, *kolringo*, *koliaro*; pendanta de la orelo, *orelringo*; pendanta de la nazo, *nazringo*. Surkapa zono kun multekostaj ŝtonoj, *diademo*. Reĝa diademo por soleno, kiel signo de sia regado, *krono*. Ornama j. provizita per broĉo, *broĉo*.

Parto de j. en kiu estas tenata multvalora ŝtono, *muntaĵo*. Unuo de mezuro por multvaloraj ŝtonoj, *karato*; ĝi egalvaloras dudek centigramojn, Surfaco de ŝtono maltekosta, *faceto*. Ŝtono aŭ peco de vitro polurita sed ne facetita, aŭ maldelikate facetita, *kapolo*. Arto gravuri sur la multvaloraj ŝtonoj, *gliptiko*. Scienco pri la gliptiko, *gliptologio*. Juvela ŝtono kun konveksa skulptaĵo, *kameo*; kun konkava, *intajlo*. Inkrusti orajn aŭ arĝentajn fadenojn en metalo, *damaskeni*.

*Juvelaj ŝtonoj*. (Vidu paĝon 19-an).

**Aliaj objektoj.**—Aro da floroj kunligitaj, *bukedo*. Ornama

kunplektaĵo el floroj kaj folioj en formo de kurba ĉeno, *girlando*. Ilo por refreŝiĝi movante ĝin, *ventumilo*.

Kateno por alligi poŝhorloĝon al ia butontruo, *ĉeno*. Pendaĵo de poŝhorloĝa ĉeno, *breloko*. Ringo de ĉeno, *maŝo*. Pendaĵo de poŝhorloĝo, *ĉeno*.

Ligna maldika peco, kiun oni portas en la mano kaj sur kiu oni sin apogas, *bastono*. Bastono kun supra transversa ligna peco sur kiu sin apogas la lamulo, *lambastono*. Bastono kun tri dentoj, similanta forkon, *tridento*. Bastono kun ŝtofo ŝtreĉita sur vergoj, ŝirmilo kontraŭ suno (*sunombrelo*) aŭ pluvo (*pluvombrelo*), *ombrelo*.

Malgranda tuko por viŝi la nazon, *naztuko*.

Lentoj kunigitaj per drato, per kiu ili sin fiksas sur la nazo aŭ sur la oreloj, *okulvitroj*. (Vidu paĝon 91-an, linion 7-an de malsupre).

Stelforma, ronda, ovala, krucforma, k. c., objekto kun rubando, portata sur la maldekstra parto de la brusto kiel honorsigno, *ordeno*, *dekoracio*. Kolorita rubando pendanta de la maldekstra ŝultro al dekstra flanko aŭ kontraŭe aŭ zone ĉirkaŭ la talio, *skarpo*.

* * *

Ilo metata sur la buŝego de la hundo por malhelpi ke ĝi mordu, *buŝumo*.

## XXIII.—HEJMO. MEBLO. ARKITEKTURO

**Konstruado.**—Starigi sur la tero kunmetaĵon el ŝtonoj, lignaĵoj, k. c., orde lokitaj por ia celo, *konstrui*. Horizontala supraĵo sur kiu oni konstruas, *grundo*. Ĉiuj materioj uzataj por k., *materialoj*. Bakita peco de argilo, de formo ortangule paralelepipeda, uzata por k., *briko*. Pasteca miksaĵo el kalko kaj sablo, per kiu oni kunligas ŝtonojn kaj brikojn por konstrui, *mortero*. Speciala mortero el pulvoro de argilaj kaj kalkaj ŝtonoj, kiuj sekiĝante fariĝas tre malmola kaj nepenetrebla de la akvo, *cemento* (*cimento*, laŭ Verax). Konstrui el brikoj aŭ el ŝtonoj, kunigante ilin per mortero, *masoni*. Masona verko multe pli alta kaj longa ol dika servanta kiel flanko de domo aŭ por dividi teran spacon, *muro*. Konstruaĵo por plifortigi muron, *murapogilo*. Maldika muro, kiu disigas du ĉambrojn aŭ du kavaĵojn, *vando*.

Tavolo el diversaj substancoj kiujn oni sternas sur muron, *ŝelaĵo*. Kovri muron per miksaĵo de kalko kaj sablo (ia speco de mortero), *stuki*; per gipso, *gipsi*. Dispecigitaj ŝtonoj, brikoj, de rompita muro, *gruzo*. Masonaĵo el ŝtonoj sen cemento, *rablo*.

Fari lignan konstruaĵon, *ĉarpenti*. Ĉarpentaĵo, kiu subtenas konstru-

aĵon dum k., *armaturo*. Fera krampo, kiu interfiksas ŝtonojn de konstruaĵo kaj melhelpas ilian eblan disiĝon, *agrafo*. Aro da metalaj pecoj fadenoj aŭ stangoj aranĝitaj por plifortikigi partojn de masonaĵo, ĉarpentaĵo, k. c., *armaturo*. Provizi, plifortikigi per armaturo, *armi*. Fortika peco longa el ligno aŭ metalo uzata por subporti aŭ plifortikigi konstruaĵon, *trabo*. Trabo de muro al muro sur kiu sin apogas la plankaj traboj, *mura trabo*. Spaco de planko inter du traboj, *intertrabejo*. Stango aŭ trabo por plifortikigi faleman konstruaĵon, *apogstango, apogtrabo*.

Kuniga interspaco inter du kunigitaj ŝtonoj, aŭ iaj ajn pecoj, kiun oni plenigas per mortero, gluo, k. c., *junto*.

Arbitra mezuro, kiun alprenas arkitekturisto por difini la proporcion de la diversaj partoj de konstruaĵo, *modulo*. Ŝnuro streĉita, kiu difinas praktike rektan linion, *rektoŝnuro*. Ujo, kie oni preparas la gipsomorteron, *trogo*. Cimento miksita kun ŝtonetoj kaj sablo, *betono*. Mola substanco malmoliĝonta, kiun oni sternas sur masonaĵon por fari supraĵon pli firman aŭ pli taŭgan por io, *sternaĵo*. Malmoliĝi la cimento, *hardi*. Plata ilo por sterni la gipsomorteron aŭ alian sternaĵon, *trulo*.

Fosaĵo farita sub muro por ĝin renversi, *sapeaĵo*. Maŝino por enbori truojn en roko, en kiun oni metas eksplodaĵon por disrompi la rokon, *enborilo, ŝtonbormaŝino*. Subteraĵo en kiu estas metita eksploda substanco, *mino*. Kavaĵo en kiu oni metas la eksplodaĵon, *minforno*. Tubego, kiun oni ŝovas en subteran galerion per puŝmekanismo, kaj kiu ebligas la fosadon antaŭen, ŝirme de la disfalo de la teroj, *ŝirmŝildo, ŝirmtubego*. Amaso da teroj kun klinitaj flankoj kaj plata supro, *terbenko*. Larĝa terbenko, *terplejno*. Fari subteran galerion sub ajna konstruaĵo, *subminigi*. Provizi per ĉarpentaĵo subteran galerion por plifortigi ĝin, *ĉarpentizi, lignizi*. Kestego uzata por labori sub akvo aŭ en malfirmaj teroj, *ferkestego*. Dika tabulo kun pika ekstremo, kiun oni enŝovas en teron en iaj enakvaj konstruaĵoj, *piktabulo*. Fera ilo kun pinto ĉe ambaŭ ekstremoj kaj ligna tenilo, uzata por fosi malmolan teron, *pioĉo*.

Mallarĝa kaj maldika lignotabuleto, uzata por plafonoj, subtegolaĵoj, k. c., *lato*. Plej uzata ligno por konstruaĵo estas tiu de *abio, cedro, pino, lariko* (subakvaj konstruaĵoj), *bambuo*, k. c.

Forta malsupre pintita ligna peco, kiun oni enigas en la teron, *paliso*. Vico de palisoj aŭ stangoj fiksitaj en la tero kaj kunigitaj transverse, *barilo*. Barilo ĉe altaro, ŝtuparo, balkono, teraso, k. c., kies stangoj (nomataj *balustroj*) estas kunigitaj supre, *balustrado*. Barilo el arbetoj kies branĉoj kunplektiĝas, *plektobarilo*.

# MENSOGOJ PRI FREMDALANDO

En la libro *Fragmentoj de miaj Memoraĵoj*, de la hispana verkisto Nikolao Estébanez (1838-1914), ministro dum la unua Respubliko (1873), mi legas:

«...Sed aliaj (ĵurnalistoj) (1) agis kontraŭmaniere. Iu diris ke la Respubliko estis tiel senbrida, ke Castelar (la prezidanto) estis devigata nomi provincestro de Madrido «iun *monsieur Estébanez*», kiu estis postulinta tion minacante al li per tranĉilego. Kaj li aldonis, ke tiu *monsieur*, tre konata en la drinkejoj, estis ulo, kiu sciis nek legi, nek skribi.»

«Kompreneble, mi atentis nenion pri tiuj informoj, kiuj ridetigis min.»

Pli ĉagrenis min ia kroniko, sendata ŝajne de Madrido, kaj publikigata en Parizo kun la subskribo de ia franca ĵurnalisto, amiko de Chao (alia ministro). Tiu-ĉi estis demandinta al li, ĉu li estos pli verdira ol la ceteraj, kaj li estis respondinta ke li diros plenan veron.»

«La unua kronido alvenis, kaj ni legis:

«Madrido estas mezepoka urbo, sen publika lumigado, krom la estingiĝantaj lanternoj, kiuj lumigas la religiajn ikonojn, skulptaĵojn ĝenerale de netaksebla merito, ĉar en ĉiuj strataĉoj estas sanktujoj, iuj el ili tre artaj.»

«Hieraŭ trapasis la Sunan Pordon (ĉefa placo de Madrido) bataliono de *nacionales* (najbaroj, kiuj propravole faris militservon en sia urbo), kies muzikistaro, vere tre rimarkinda, ludis la «Marseljeson». La trairantoj demetis siajn kapvestojn respektplene kiam pasis la pioniroj vestitaj kun la kostumo de Sankta Francisko.»

«Chao indignis pro tiom da sensencaĵoj, kaj riproĉis la ĵurnaliston, sed tiu-ĉi, por senkulpigi sin, legigis al li leteron de sia ĉefredaktoro, sur kiu li diris al li proksimume:

«Ni estas devigataj rompi viajn kronikojn kaj verki ilin tie-ĉi. Ni ne estas sendintaj al vi al Hispanujo por ke vi raportu ke Madrido estas malgranda Parizo kaj ke nenio eksterordinara okazas. Tiu-ĉi publiko ne akceptas unu Madridon sen taŭroj tra la stratoj, sen noktaj muzikaĵoj kaj sen kapucenoj.»

* * *

Leginte tiujn alineojn mi demandas al mi: Kiom multe la mensogoj elpensitaj en unu lando pri la ceteraj landoj malhelpis la homan fratecon?

---

(1) La vortoj inter parentezoj estas aldono de la tradukinto por plibona komprenado.

Mensogoj pri la propra lando (troigitaj informoj pri virtoj kaj heroaĵoj) kaj pri la ceteraj nacioj (kalumnioj kaj troigo de neperfektaĵoj) cirkulis, cirkulas kaj kreskas kiel neĝbuloj, dum jaroj kaj jarcentoj. Jen bela tasko por la esperantistoj: malaperigi tiujn kialojn de malestimo por alilandanoj kaj, sekve, de trofieremo por la propra. Ni ne forgesu la diron de Pitagoro: «se vi volas ŝpari tempon, legu nur la historion de unu popolo, *ĉar ĉiuj popoloj estas similaj*».

F. REDONDO

## ENLANDA KRONIKO

*Alicante.*—Tre vigle laboras tiuurba grupo. Nova kurso komencis la 2-an nunmonate, kaj ĉiudimanĉe oni organizas ekskursojn.

* * *

*Madrido.*—Nia samideano S-ro Jozefo Medina gvidas kurson de Esperanto en al strato Monteleón, 48, por infanoj de la 8 h. 30 m. ĝis la 9 h., kaj por junuloj de la 9ª ĝis la 10ª vespere.

Kun tiu jam estas sep la kursoj klarigataj en Madrido dum la nuna jaro.

* * *

*Barcelona.*—Ankaŭ oni klarigas plurajn kursojn en la kongresurbo. La Zamenhof-Instituto, krom siaj kursoj perkorespondaj, klarigas elementa kaj supera kursoj. Kaj en «Cooperativa Integral Obrera» ekklarigas S-ro Jozefo Roche elementan kurson.

La Akademio Enciklopedia *Espero* organizis por la 29ª de marto 320—kilometran ekskurson al Breda, Arbucies, S. Hilari, Osor, Anglés, Santa Coloma de Farnés, Gerona, La Bisbal, Palafrugell, Palamós, S. Feliú de Guixols kaj Arenys de Mar. Budĝeto, 13 pesetoj.

* * *

*Santander.*—Jam finis la kurso gvidita de S-ro Serapio Elvira en la «Ateneo Popular». Multaj el la lernantoj nun korespondas kun fremdaj samideanoj. Jen la nomoj de la premiitaj lernantoj: F-ino Valentina Ocejo kaj S-roj José Díez Teresa kaj José Mariñas Ferrer, «sobresaliente» (plej supera noto); S-roj Luis Cabanzón, Pedro Mediavilla, Gregorio Martín Puertas, Enrique Bispo, Arturo Lezcano, Restituto Ruiz García, Robustiano Pérez kaj Tomás Berraondo, «notable» (duagrada kvaliviko). Al ĉiuj nian gratulon.

Sekve de peto de la lernantoj, la Esperantista Fako de la Ateneo organizis superan praktikan kurseton, gvidota ĉiuvendrede de la 9ª ĝis la 10ª dum marto, aprilo kaj majo.

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Hungara Itala Banko.*—Tiu ĉi firmo ĵus enkondukis por siaj bankaferoj la Esperanto-korespondadon kaj servon. Kiu deziras vojaĝi de Italujo al Hungarujo povas havigi pere de la «Hungara Touring Clubo» vojaĝ-ĉekon, kiu estas aĉetebla kaj interŝanĝebla ĉe ĝia filio Belvarosi (Váczi u. 27-29, Budapest, IV) tute proksime al la Hoteloj de la Danub-bordo.

* * *

*Danujo.*—Silkeborg, meze de Jutlando, urbo inter arbaroj kaj belaj lagoj, estas nomata prave «la perlo de Danujo». Tie oni povas pasigi malmultekostan ferion.

En tiu-ĉi urbo gesinjoroj Stig B. Skole (Internacia Lernejo Akademio Kommod) organizis esperantajn kursojn de 3-majo ĝis 11-julio (70 danajn kronojn), de 10 ĝis 19 julio kaj de 22 ĝis 31 julio (40 danajn kronojn). La kursojn gvidos eminentaj profesoroj el Danujo, Anglujo, Nederlando, Germanujo, Ĝenevo (D-ro E. Privat), k. t. p.

Pluajn informojn, redakcio de Dansk-Esperanto-Blad, Clausensvej, 26, Haderslev, Danujo.

* * *

*Lingvoj uzataj en internaciaj kongresoj.*—Ni legas ke laŭ statistiko publikigata de Columbia University Press (Usono) en la diversaj internaciaj kongresoj okazintaj de 1923[a] ĝis 1929[a] oni uzis kiel oficialan lingvon: la francan, 238 fojoj; la anglan, 186; la germanan, 161, kaj la italan, 35.

Estus kurioze scii kiom da kongresanoj (krom la samlingvanoj de la paroladistoj) komprenis la uzatan lingvon, kaj dum la sama tempospaco kiom da esperantistoj komprenis al fremda parolanto en internaciaj kongresoj organizitaj de U. E. A., de S. A. T. kaj tiel plu.

Dum la 9[a] Internacia Kongreso de Vegetaranoj oni decidis ke de la jaro 1938[a] la paroladoj estos tradukataj nur en Esperanto. La kongreso rekomendis al ĉiuj partoprenantoj ke ili lernu Esperanton, tiel ke la paroladoj povos okazi en ĉi-tiu lingvo kaj la tradukado estu superflua.

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GVIDFOLIOJ.—*Pri Aŭstrujo.*—Okaze de la XXVIII[a] Internacia Kongreso, niaj samideanoj de Aŭstrujo daŭrigas la eldonadon de belaj gvidfolioj. Al tiuj recenzitaj de ni sur la numeroj 54[a], 55[a] kaj 57[a] ni devas aldoni hodiaŭ: *Wien*, kun 34 belaj vidaĵoj, landkarto, koloraj fasadoj kaj interesaj informoj.

* * *

GAZETOJ.—Malaperinte *Germana Esperantisto*, en januaro komencis la publikigon de monata gazeto en Dresden (Oppelle-Stralle, 50, Dresden VI) titolata *Deutscher Esperanto-Bund E. V.* (Germana Esperanto-Asocio R. S.), plejparte germane redaktita, kaj ne neŭtrala rilate al germana politiko, kies ideoj estas por ni, negermanaj esperantistoj, tute indiferentaj je la neŭtrala esperantista vidpunkto.

Ni ree bedaŭras la malaperon de *Germana Esperantisto*.—F. R.

*Internacia Hejmo Esperantista.* — Tiu-ĉi interesa gazeto, maŝinskribita, aperanta laŭbezone (proksimume ĉiumonate), atingis sian IV-an jaron. La rubriko *telegramoj* estas tre oportuna. Per ĝi, ia leganto povas komuniki novaĵojn al multaj amikoj. Adreso : Aspremont (A. M.), Francujo.

*Ruĝa Esperantisto,* organo de The British Labour Esperanto Association (S. J. Smith, 36, Womersley Road, London N. 8), angle kaj esperante verkita. La rubriko *Por lingvo-studantoj* estas interesa.

*Skolta Bulteno.*—Tiu-ĉi trimonata gazeto, organo de la Skolta Esperantista Ligo, aperas nun pligrandigita, kun 12 paĝoj kaj kovrilo. La marta numero enhavas informojn pri la movado de skoltismo kaj pri la XIV$^{a}$ tendaro okazonta en Ipswich (Anglujo) 18-29 julion nunjare. Kaj ankaŭ provizoran skoltan terminaron. Hispana Agentejo de S. E. L. : A Pedro Marqueta, Santa Isabel, 4. Zaragoza.

* * *

LIBROJ.—*O Radio em 16 palestras.*—Traduko en portugala lingvo de la verko de E. Aisberg *Fine mi komprenas la radion,* originale verkita en Esperanto, kaj jam tradukita en dudek lingvojn. La portugala eldono, eldonita en Rio de Janeiro (Avenida Mem de Sá, 78), estas valora verko ne nur pro sia fidela traduko, sed ankaŭ kiel propagandilo, ĉar pruvas al portugallingvanoj neesperantistaj la gravecon de nia lingvo, tial ke originala libro verkita en 1934 povas (post unu jaro) esti rekte kaj rapide tradukita en ĉiujn lingvojn.

Hispana traduko aperos baldaŭ en la Arĝentina Respubliko.

*Dicionario Português-Esperanto,* eldonita en Rio de Janeiro (Imprensa Nacional). Ĝi enhavas resumon de la esperanta gramatiko kaj 484 paĝojn de vortaro, el ili 28 por propraj nomoj de personoj kaj landoj. Entute, preskaŭ 25.000 vortoj. Tiu grava verko helpos la enpenetron de nia lingvo en Brazilo kaj faciligos grandskale la tradukon de la portugallingva literaturo. Prezo por neportugallingvaj landoj, ses svisaj frankoj, bindita. Ni gratulas ĝiajn aŭtorojn, sinjorojn Alberto Couto Fernandes, Carlos Domingues y L. Porto Carreiro Neto (L. K.).

* * *

*Curso completo de Esperanto.*—Eldonita de Portugala Esperanto Instituto (rua

Ni ricevis la unuan kajeron de tiu gramatiko, portugale verkita. Ĝi enhavas la antaŭverkon, kiu pritraktas la evoluadon de la lingvoj, la problemon de lingvo internacia kaj ĝian solvon per Esperanto. La simileco de lingvoj portugala kaj kastila (hispana) igas tiun verkon tiel utila por portugaloj kiel por hispanlingvanoj.

* * *

FALDPROSPEKTOJ.—*Viena Foiro 8-15 marto* 1935.—Arta faldprospekto tute verkita en Esperanto kun interesaj informoj pri la nunjara (XXX^a^) foiro jubilea ĵus okazinta kun sukceso. Ĝi estas bona propagandilo por nia lingvo (adreso: Zentralbüro der Wiener Messe, A. G., Wien, VII. Messeplatz, 1. Aŭstrujo).

*Gvidfolio por vojaĝantoj en Manĉukuo* kun arta kovrilo, dekduo de fotografaĵoj kaj interesaj informoj. La eldonanto (Sud-Manĉuria Fervoja Kompanio, S. M. R., Dairen, Sud Manĉurio) petas al la ricevintoj de ĉi-tiu folio (sia unua turisma literaturo en Esperanto) ke ili skribu al li siajn opiniojn pri ĉi-tiu provo, ĉar en okazo de sukceso, li intencas daŭrigi la publikadon de diversaj esperantaj gvidfolioj. Petu senpagan specimenon!

* * *

*AVISO.—Con el presente número enviamos a los heaanos que pagaron su cuota antes de 1.° de marzo los dos primeros cuadernos del Vocabulario Español-Esperanto, el cual constará de unos diez cuadernos. Los que antes de fin de mes envíen dos pesetas recibirán en breve los ocho cuadernos restantes.*

---

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### *LA PROPAGANDILOJ*

En ia esperanta klubo oni vendas propagandilojn, nome: broŝurojn po dudek centimoj ĉiu, foliojn po kvin centimoj ĉiu duo, kaj glumarkojn po kvin centimoj ĉiu kvaro.

Ia samideano aĉetis dudek propagndilojn por unu peseto. Sed la bibliotekisto forgesis noti kiom da broŝuroj, kiom da folioj kaj kiom da glumarkoj aĉetis la samideano. Ĉu ia leganto de nia Gazeto povas solvi tiun dubon?

* * *

### *DEZIRAS KORESPONDI...*

Tomás del Burgo, urbpolicano (San Pablo, 74, 1.°, Zaragoza, Hispanujo). Kun eksterlandaj samprofesianoj pri urbaj temoj, prefere.

## *KIA ESTAS PROKSIMUME LA AĜO DE TIUJ PERSONOJ?*



*(La solvoj, sur la proksima numero.)*

* * *

## *SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO*

*Ĉifrita multipliko.*—627 × 35.

*Preseraro.*—«Tio ne estas *kaj*, mi diris, sed *aŭ*.»

* * *

S-ro Emilio Amor Rolán, el Orense, atentigas nin pri eraro en la solvo de la problemo *Aĉeto de verko*, publikita sur la numero de februaro.

Ni refaris la kalkulon kaj trovis ke 36 + 37 + ..... + 71 =

$$= \frac{71 \times 72}{2} - \frac{35 \times 36}{2} = 71 \times 36 - 35 \times 18 = 18\,(71 \times 2 - 35) =$$

$= 18 \times 107 = 1926.$

Sendube kiam ni redaktis la esperantan tekston ni kopiis erare 1296 anstataŭ 1926. Ni dankas al S-ro Amor lian averton.

* * *

La *Internacia Pedagogia Revuo* (oficala organo de T. A. G. G.) ĵus eniris la 15-an jaron de sia ekzistado.

Ĉu vi komprenas la signifon de tio? Tio ja atestas, ke I. P. R. rajte ludas sian rolon en la esperanta gazetaro.

*Ĉu ankaŭ por vi?* Se ne, konatiĝu kun ĝi kaj petu *tuj* senpagan specimenon al la administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederlando).

* * *

*Psika Esperantista Ligo* (adreso: A. W. Thomson, 35 Dallin Road, Bexleyheatl, Kent, Anglujo) celas propagandi Esperanton ĉe spiritualistoj, kaj spiritualismon ĉe esperantistoj. Ĝi postulas nenian kotizaĵon kaj sia kaso sin nutras nur per memvolaj donacoj, ĉu de membroj, ĉu de kunsent'anoj. Ĝi havas agentojn en kelkaj landoj. Ĉu iu hispana spiritualisto volas esti agento de P. E. L. por Hispanujo?

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

## PLANTACION DE LEGUMBRES INDIVIDUALMENTE POR LOS TRABAJADORES

(*Conclusión.*)

Cuando un ferroviario recibe las parcelas de tierra para plantar legumbres y lo ha sembrado, puede criar también animales domésticos y comestibles, y así queda más obligado en su aposentamiento.

Desde luego este asunto ayuda también a los sindicatos que proveen a los trabajadores, pues da facilidad para estudiar y ampliar las sembradas de labores más técnicamente y favorece grandemente la economía del Estado en toda la Región.

Esto es lo que nos dicen y nosotros lo transcribimos, aunque cuando estas notas lleguen a manos de nuestros asociados algunas de ellas puede que ya sean del dominio público, pues con sólo dos página es muy limitado lo que podamos explicar.

Decíamos en el anterior artículo que se doblaba la vía transiberiana; pues bien: tenemos la noticia de que ha terminado ya la colocación del segundo carril en toda la longitud de la línea transiberiana, que mide aproximadamente 2.410 kilómetros, y que va desde el lago Baikal hasta Klabarovski, donde se encuentran las principales plantaciones y factorías del extremo Oriente.

Ahora se han empezado los trabajos de construcción de la línea que cuando esté terminada enlazará el mar Negro con el Pacífico, que tendrá una extensión aproximada de 7.500 kilómetros, de cuyo proyecto ya dábamos cuenta también en nuestro primer artículo.

*Traducido del Esperanto por* JOSÉ M. COLL

---

## COMENTARIOS

Copiamos de «Esperanto»:

«La Nederlanda Esperanta Societo L. E. E. N. (simile kiel la «Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista» en 1934) atingis permeson de la Nederlanda fervojaro fiksi en ĉiuj stacidomoj afiŝon (unuforme fabrikitan) kun indiko pri la loka esperantista informejo resp. la Delegito de U. E. A.

La Nederlanda Ŝtata Fervojaro aperigis luksan faldprospekton kun ilustraĵoj pri Nederlando, geografia karto kaj klarigoj pri siaj turistbiletoj.»

Hasta aquí lo que dice el «Esperanto». Pero yo pregunto a todos

los ferroviarios esperantistas de la nación: ¿Por qué en España no podría hacerse lo mismo?

¿Por qué en sitio bien visible de las salas de espera o en los vestíbulos de las estaciones no podría haber una especie de tablón de anuncios con una estrella esperantista en la parte superior para que todo el mundo la viera y allí poner la dirección de los grupos esperantistas que hubieran en la localidad, horas de reunión y demás asuntos que podrían interesar, no sólo a los extranjeros, sino hasta a los mismos esperantistas españoles?

¿Por qué en los trenes no podría ponerse en cada coche, en un sitio visible, un cuadro con una relación de las Federaciones regionales existentes en España, con sus domicilios y horas de reunión, etc.?

Escribiendo esto me viene a la memoria un caso ocurrido en la estación de Barcelona Término hace unos años. Acababa de llegar un tren expreso de Francia, del que descendió una señorita extranjera, la cual, con mucha cortesía, se dirigió a un empleado haciéndole, al parecer, una pregunta en lengua que no era española, y, como es natural, no pudo contestarle porque no la entendió, y la condujo a la presencia del Sr. Crespo, en aquel entonces jefe de la estación, ocurriendo lo mismo que con el anterior; se buscó un intérprete, que tampoco dió resultado, pues no hablaba la lengua de aquella señorita; y en aquellos momentos pasó por delante de ellos un joven, empleado en el Servicio Eléctrico, llamado Tomás Bernabé (q. e. p. d.), el cual llevaba en el ojal de la americana la estrella verde de cinco puntas, emblema de nuestra querida lengua internacional; verlo la indicada joven y precipitarse hacia él y ponerse a hablar en Esperanto, fué todo uno, y entonces pudo entenderse con el Sr. Crespo sobre sus deseos; se supo, además, que aquélla era griega, que venía para visitar la ciudad en plan de turismo y pensaba pasar a Valencia dentro de unos días, todo lo cual, observado por dicho jefe, felicitó efusivamente al samideano Bernabé, pidió permiso a los jefes del empleado, que fué concedido, para que la acompañara donde deseaba y encarecidamente aconsejó a todos los presentes observaran las grandes ventajas que tenía el conocer y hablar un lenguaje tan bueno y práctico y que lo aprendieran.

Claro que el Sr. Crespo y otros ferroviarios como él, a la edad que tenía no podía aprenderlo; pero yo opino que todo empleado que tiene que intervenir con público extranjero, tanto si es del Estado como de empresas particulares, deberían, para poder desempeñar su cargo, hablar y escribir un idioma auxiliar internacional, y ninguno más indicado para ello que el Esperanto, ya que es el que tiene más adeptos y es sumamente sencillo y puede aprenderse con relativa facilidad.

JOSÉ M. COLL